# INTERNACIA FERVOJISTO




42a jaro n-ro 6 1990



Pasaĝervagonoj en Kubo (Foto:ABI)

## REDAKTORA BABILO

Babilo ne sufiĉas. Ankaŭ certa porcio de laboro necesas. Tio estas al la redaktoro bedaŭrinda afero, ĉar skriba babilado estas lia forto - kaj prefera sporto!

Nu, se vi rigardas la paĝojn de ĉi tiu numero de IF, la lasta de jaro 1990, vi vidas, ke devis streĉe labori aro de homoj por trovi alian ejon por nia 43a IFK (IFK estas la mallongigo de niaj IFEF-kongresoj), vi vidas, ke sukceson pri nia lingvo atingis ni ĉe FISAIC, vi vidas, ke kelkaj niaj membroj vizitis ekzotikan Kubon kaj raportas pri tiea fervojo (kiu iros al la unua afrika E-kongreso kaj poste rakontos pri afrikajn fervojojn?), kaj vi vidas literaturan kvizon.

Do, bonan legemon.

Red

## ESPERANTO EN FISAIC

Plurjara konstanta laboro rikoltis frukton: FISAIC decidis uzi Esperanton kiel sian trian laborlingvon!

FISAIC ja estas la Internacia Fervojista Federacio por Kulturo kaj Libertempo, kaj por ties ĝenerala asembleo en Berchtesgaden (D) dum la tagoj 6a kaj 7a de oktobro 1990 s-ro Wallerand (F) estis prezentinta proponon pri uzo de Esperanto. Unuanime la ĝenerala asembleo akceptis ĝin, provizore precipe por skribaj aferoj, ekzemple la protokoloj.

La protokolo de la supre nomita ĝenerala asembleo jam ekzistas en Esperanto, ellaborita de komisiono de FFEA laŭ la franca versio.

FISAIC decidis ankaŭ, ke ne eldoni jubilean broŝuron okaze de la 40jariĝo de FISAIC en 1992. La jam disponigita sumo estu anstataŭe uzota por ekonomie plifaciligi la partoprenon en la jubileaj aranĝoj de la t.n. 'reformlandoj' (la centr-/orienteŭropaj landoj, antaŭe nomitaj socialismaj). FISAIC agnoskas, ke nur pere de esperantoparolantaj fervojistoj funkciis la kontaktoj kaj aliĝoj de pluraj tiuj landoj.

Nova membro de FISAIC estas Ĉeĥo-Slovakio, ankaŭ pere de Esperanto.

Gratulon al FISAIC, gratulon al la kuraĝuloj, kiuj celkonscie laboris dum jaroj por pruvi al FISAIC la utilon de Esperanto. Al ni la decido de la ĝenerala asembleo ŝarĝas pluan defion, kiun ni saĝe kaj ĝisfunde perlaboru, kvankam tio estos streĉa afero. ■

INTERNACIA FERVOJISTO

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77. Telefakso (deĵore) +45 55 77 15 25.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




43a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio
OLOMOUC, 1991-05-11/17, Ceĥoslovakio

Aliĝiloj:
s-ro Pavel POLNICKÝ, Příčná 150/VI, CS-290 01 PODĚBRADY

Informoj:
43a IFEF-kongreso, Ceĥa Esperanto-Asocio, Jilská 10, CS-101 01 PRAHA 1

## ATENTU PRI LA 43a IFEF-KONGRESO!

Oficialaj CS-instancoj alternigis la daton de la foiro en Brno. Tio devigis LKKon ŝanĝi daton aŭ lokon de la 43a IFK. Oni decidis ŝanĝi la lokon, por ne detrui planojn de jam aliĝintaj kongresanoj. La nun definitiva urbo por la kongreso estos **OLOMOUC**, ĉarma urbo en norda Moravio.

Fine de tiu-ĉi numero de IF vi trovas aktualigitan aliĝilon, kiun bonvolu utiligu tiuj, kiuj ĝis nun ne aliĝis. Kiu jam aliĝis, povas uzi ĝin por kompari kun la pli frue aperinta aliĝilo por Brno, sed ne denove aliĝu! Aliĝiloj por Brno validas ankaŭ por Olomouc, sed, kiel vi vidas, la tranoktado estos malpli kosta en Olomouc.

Grava novaĵo/avantaĝo estas, ke krom la kongreskotizo, la ĉambroperado kaj la unua nokto de loĝado, la ceteraj kostoj estos pageblaj surloke!

Dua avantaĝo estas, ke por ŝpari bankelspezojn, eblas pagi ne al la ĉeĥoslovaka banko indikita sur la aliĝilo, sed al la IFEF-kasisto pere de la poŝta ĝirokonto de IFEF (prefere la dana 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev), klare indikante pri kio temas. La aliĝilon vi sendu al s-ro Polnický en Poděbrady, CS, kiel indikas la aliĝilo, kaj notu sur ĝi, ke vi pagis pere de IFEF. La IFEF-kasisto do transigos en pli grandaj sumoj.

Kelkaj ekskursoj estas ŝanĝitaj, sed pri ili kaj pri la kongresurbo Olomouc ni publikigos en la venonta numero de IF.

\- - -

La konferenco 9a-10a de majo FERVOJO SOJLE AL 3a JARMILO okazos laŭprograme en Brno, kaj la postkongreso 18a-25a de majo en Žilina, Slovakio.

\- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - --

## PRI NIA VENONTA IFEF-KONGRESO KAJ LA POSTKONGRESO EN ĈEĤO-SLOVAKIO

Aŭdiĝis plendoj de personoj en okcidentaj landoj, ke la prezoj postulitaj en la aliĝilo por Brno (nun Olomouc, estas tro altaj, kaj ke pro tio ili ne volos partopreni en la kongreso.

Oni devas konsenti, ke la kongreskotizo de 60 dolaroj estas pli alta ol ĝisnunaj. Tamen tio dependas de la momenta situacio en tiuj orientaj landoj, kaj ja temas nur pri UNUFOJA elspezo. La prezoj por hotelĉambroj neniel estas tro altaj kompare al prezoj en okcidentaj landoj; ekz. tranoktado kun matenmanĝo en luksa hotelo en dulita ĉambro kostas 35 dol.

Sed kion oni ne pretervidu, estas la ĝenerala vivtenado en tiu lando. La prezoj por manĝaĵoj, trinkaĵoj, trafikiloj kaj ĉiu ajn alia objekto estas multe pli malaltaj ol en ok-

cidentaj landoj. Oni kalkuli por kompleta manĝaĵo en restoracio inter 3 kaj 4 dol. Glaso da biero (duona litro) kostas eĉ ne duonan dol. ktp. Tiamaniere la restado dum la tuta semajno estos pli malmultekosta ol kutime en aliaj kongreslandoj. La momenta kurzo de la CS-krono estas 1 dolaro = 30 kronoj. Ĝi daŭre estas adaptata al la inflacio, kaj laŭ ĝi oni ricevas la kronojn en hoteloj kaj bankoj.

Eĉ pli favoraj estos la kondiĉoj en la postkongreso en Slovakio, kie la postulataj prezoj estas pli malaltaj ol en Olomouc kaj kie nur la kongreskotizo estas antaŭpagenda. La natura beleco de Slovakio, la belaj celoj de la ekskursoj kaj la cetera programo garantios vere agrablan ferian semajnon. Ne timigu vin la trihora piedirado en Alta Tatro, kiu ja kondukas tra la malalta regiono de tiu montaro. Partoprenantoj, kiuj ne tre longe povas marŝi, havos eblecon uzi trajnon.

Do, nia konkludo: rapide decidu, rapide aliĝu. Sed priatentu, ke la nombro de partoprenantoj en Slovakio estas limigita je 80 personoj.

Gi




## 1990-JARKUNSIDO DE ĈINAJ FERVOJISTAJ ESPERANTISTOJ

Okazis Jarkunsido de Unuiĝo de Fervojistaj Esperantistaj gruparoj en Ĉinio la 13an-16an de septembro de la jaro 1990 en la urbo Tianjin (najbare al Pekino, ĉe la maro Bohai). Ĉiuj estraranoj: Li Sen, Han Zuwu, Cheng Linjian, Xiao Ke, Zhang Dali kaj dekoj da delegitoj el Esperanto-grupoj en la urboj Pekino, Tianjin, Xinxiang, Wuhan, Jinzhou, Meihekou, Baotou kaj Huhhot ĉeestis la kunsidon.

En la kunsido prezidanto Li Sen enkondukis laboron pri Esperanto en diversaj grupoj. Delegitoj interŝanĝis spertojn pri Esperanto-laboro de fervojistoj en diversaj lokoj de Ĉinio. Ĉiuj ĉeestantoj diskutis pri la laborplano de UFEG Ĉinio, kaj decidis:

1. ĉinaj fervojistaj esperantistoj devas pli multe kontakti kun IFEF kaj diverslandaj fervojistaj Esperanto-asocioj por interflui materialojn pri fervoja fako kaj aliaj flankoj en la uzado de Esperanto,

2. ĉiŕaj kolegoj planos okazigi disertacian jarkunsidon venontjare en Shenyang (nord-orienta parto de Ĉinio) invitante iujn fremdlandajn verkintojn, se la kondiĉo permesos,

3. ĉinaj kolegoj klopodos finkompili "Fervoja Terminaro"n en la venonta jaro por celebri la 40an datrevenon de la fondiĝo de ĈEL (Ĉina Esperanto-Ligo).

Ĉeestantoj de la jarkunsido gaste partoprenis la Esperanto-seminarion pri Gemel-urba interfluo, okazigitan de Tianjin-a Esperanto-Asocio.

Dum la kunsido ĉiuj ĉeestantoj de la kunsido vizitis la pejzaĝon de la urbo Tianjin, ekspresan ŝoseon inter Tianjin kaj Pekino kaj ekskursis al la antikva Granda Muro en Jixian gubernio en Tianjin.

HAN ZUWU
(vicprezidanto de UFEG de Ĉinio)

BELA NEKONATA SLOVAKIO - LANDO DE LA POSTKONGRESO 1991

Post la 43a IFK, kiu okazos en nord-moravia urbo Olomouc (komparu la artikolon pri "sanĝo de kongresloko" en la sama numero de IF), la partoprenantoj en la postkongreso veturos pertrajne la 18an de majo de Olomouc al ŽILINA (Jilina), urbo kun iom da industrio, ĉarme ĉirkaŭita de montoj. Tie ĉiuj loĝos kaj manĝos en sama hotelo favore situanta en la urbo. Celo de tiu kultur-turisma semajno estos konatiĝi kun kelkaj el la sennombraj vidindaĵoj de la lando. Tial la programo enhavos allogajn ekskursojn kaj kulturajn aranĝojn. Tre koncize ni jen klopodas skizi ĉefaj aranĝojn, en kiuj, kompreneble, povos esti ŝanĝoj.

La ekumena diservo dimanĉon matene okazos en romanstila preĝejeto el la 12a jarcento. Samtage la unua ekskurso konatigos nin kun subĉiela muzeo, en kiu ni vidos ĉiuspecajn slovakajn vilaĝkonstruaĵojn el du lastaj jarcentoj. Tie ni povos ĝui veturadon per etŝpura vapora fervojo, kies karakterizaĵo estas t.n. retroveturejoj por venki krudan terenon. La lokomotivo tie devos ŝanĝi de unu flanko de la trajno al alia - jen frandaĵo por fervojistoj. Vespere ni aŭskultos la Ŝtatan Kameran Orkestron kaj urban kanthoron.

Jam en la dua tago ekskurso gvidos nin al la plej impona parto de Slovakio, al la grandioza montaro Vysoké Tatry (Altaj Tatroj). Se la vetera dio favoros nin, per unu rigardo ni povos ĝui la kompletan gigantan ĉenon de la tatraj montopintoj. Tiuj, kiuj volonte piediras, komune faros belan trihoran migradon en la montara rando ĝis montstacio de funikularo, per kiu ni revenos valen. Tiuj, kiuj ne volas migri supren, povos promeni kaj ripozi en la urbo Starý Smokovec. Poste ni vizitos la hotelon "Esperanto" en Pribylina, kie ni povos kapti okazon paroli kun estraro de la slovakia E-movado.

Alian ravan pejzaĝon ni ĝuos mardon en la montoj ĉe la pola limo kun ŝipveturado sur granda akvobaraĵo ĉe Orava, kie ni ankaŭ vizitos tiean kastelon. La vespera pupteatro certe ravos nin ĉiujn.

Ankaŭ ripozo kaj butikumado gravas. Fari tion estos okazo merkredon antaŭtagmeze. Posttagmezon ni veturos (pli kuraĝaj eĉ povas migri tra ĉeurba montetaro) al urba parto Zástranie, kie ni bivakfajros, rostos kolbasojn, trinkos, kantos, amuziĝos, ĝis libervola noktotempo.

La ĵaŭda ekskurso prezentos la ĉarman regionon de Vrátnavalo, kiu estas perlo de nacia parko Malá Fatra, kun ĝiaj montopintoj ĝis 1709 m. En la valo ni promenos kaj ĝuos la belecon de tiu pejzaĝo. Pli vagabondemaj povos fari ekskurson en famaj kanjonoj "Jánošíkove diery" kaj ĝui tie belegajn akvofalojn. Vesperon donos al ni koncerton Slovaka Popola Dancensemblo.

Vendredon ni vizitos kastelon Bojnice, iaman posedaĵon de fama ŝuisto Bata, kiu devenis el Ĉeĥo-Slovakio, kaj la pitoreskan vilaĝon Čičmany, kies domoj estas loĝataj kaj montras specialan arkitekturon kaj kolorajn ornamaĵojn sur la domaj muroj. La postkongreso finiĝos per vendreda adiaŭa vespero kun dancado, amuzado kaj tombolo, kaj sabate antaŭtagmeze ni veturos hejmen.



Hotelo "Esperanto" en Pribylina

# EŬROPA FERVOJISTA ESPERANTO-KONFERENCO ESTIS SUKCESPLENA



La gvidantoj surpodie. De maldekstre Bultman (NL), Burgess (GB), Robiolle (F), De Sutter (B), Giessner (D), Ady De Sutter (B), Hartig (D)

La belga, brita, franca, germana kaj nederlanda IFEF-landaj asocioj kune organizis la Eŭropan Fervojistan Esperanto-Konferencon kiu disvolviĝis de la 1a ĝis la 7a de oktobro 1990 en la belga kuracloko Spa. Kiel konferencejo kaj loĝejo servis la feria centro "Sol Cress" situanta sur la altaĵo de la ĉirkaŭa Vennmontaro. Dekomence estis evidente ke tiu konferenco ne celis konkuri kun tradicia IFEF-kongreso aŭ establi novan formon de libertempo. La semajno altiris pli ol 120 esperantistojn el 12 landoj. Ĉiuj partoprenis en eksterordinara, alloga programo. Ne mirige, ke bona etoso regis dum tiu semajno, en kiu la suno ofte prilumis la ĉirkaŭajn aŭtunajn arbarojn.

La fervojfakan parton de la konferenco estis transpreninta Dieter Hartig (D). Elokvente li referis pri "La Eŭropa Merkato 1992 kaj la Fervojoj". Li krome raportis pri la estontaj laboroj de la Terminara Komisiono de IFEF. Post la eldono de la Terminaro kiel esperantlingva suplemento al la UIC-leksikono sekvas sur tiu bazo la Naciaj Vortaroj. Lia alia prelego okupiĝis pri internaciaj ligoj en politiko, ekonomio kaj precipe inter la fervojoj. La konkludo de tiu referaĵo estis superi lingvajn barojn kaj iliajn altajn kostojn per enkonduko de Esperanto.

Alan Burgess, la ĉiam humura brita kolego, raportis en diaprelego pri "La elektrizo de la orienta marborda ĉef-fervojo inter Londono kaj Edinburgo".

Pri la kulturaj programeroj respondecis diverslandaj gekolegoj. Belgio kontribuis per la profesia kantistino Nikolin' kun sia gurdo. Ŝiaj ĉarmaj, sentimentalaj kanzonoj treege plezurigis la aŭskultantojn. La nederlandanino Gerry Schavemaker gajnis la korojn per modernaj kantoj kaj krome per trumpetaj muzikaĵoj. La sopranulo Béby Kohl el Luksemburgo kaj la tenorulo Ludwig Fluck el Germanio prezentis, parte en dueto, altnivelan, belsonan programon kun kantoj el operoj kaj operetoj. La ĉeestantoj entuziasmiĝis. Menciindas, ke GEFA-prezidanto Achim Giessner modele estis tradukinta ĉiujn kantotekstojn.

Multe imponis koncerto de la granda nederlanda fervojista filharmonio kun multampleksa repertuaro. Je la semajnfino la orkestro ludis ankaŭ publike en la urbo.

Unu vespero estis dediĉita al lokaj folkloraj dancoj. La paroj tiom ĝojis, ke ili stimulis la spektantojn danci kun ili.

Interesa estis videofilmo de la Nederlandaj Fervojoj, en kiu tiuj prezentis sin kiel modernan transportentreprenon.

Amatoran sonfilmon pri Norvegio montris Willi Barnickel (D) kaj pri la centjara jubileo de Esperanto en Pollando memorigis sonfilmo de Joseph Laenen (B).

Sufiĉe granda estis la oferto je turistaj aranĝoj. Oni konatiĝis kompreneble kun la gastiganta urbo SPA, ĝuis la sanigan mineralakvon, kiun eltrovis jam romiaj soldatoj, kaj admiris konstruaĵojn en la stilo de la pasinta jarcento.

Luksemburgo estis celo de tuttaga ekskurso. Bedaŭrinde ne estis multe da tempo por viziti vidindaĵojn. Elektita tagmanĝo en la stacidoma restoracio dorlotis la ekskursantojn. En la direkcio de la Luksemburgaj Fervojoj (CFL), s-ro G. Schmit, prezidanto de la Internacia Fervojista Federacio por Kulturo kaj Libertempo (FISAIC), bonvenigis la ĉeestantojn alte taksante la laboron de la fervojistaj esperantistoj. Li atentigis pri la venonta 40jara jubileo de FISAIC. La esperita fondiĝo de luksemburga IFEF-sekcio ne efektiviĝis pro malmultaj esperantistoj. Sur la vojo reen oni vizitis en Bastogne la monumenton "LE MARDASSON", kiu memorigas pri la bataloj de 1944 en la ardenoj inter usonaj kaj germanaj soldatoj. Sur grandaj kolonoj estas enĉizitaj la tiamaj eventoj.

Alia aŭtobusekskurso kondukis al LESSIVE. Tie troviĝas la centro por telekomunikado. Gigantaj parabolaj antenoj ebligas la ligojn kun eksterteraj satelitoj. La vizitantoj spektis video-filmon kiu demonstras funkciadon de tiu ampleksa instalaĵo.

Kiam jam vesperiĝis, la aŭtobusoj haltis en DURBUY, la plej malgranda urbeto de la mondo. La romantika loko situas malsupre de krutaj montoj.

Por la tria ekskurso necesis transpasi la landlimon inter Belgio kaj Germanio. La aŭtobusoj atingis la rave belan urbeton MONSCHAU, kiun karakterizas kastelo sur kruda roko, trabfakaj domoj, mallarĝaj stratetoj, speciala kukaĵo en rustika kafejo kaj memorigaĵbutikoj.

Tagmeze ni alvenis en Aachen kie ni tagmanĝis en turniĝanta restoracio supre de turo de kie ni havis belegan superrigardon de la regiono. En la historia urbokerno de Aachen, la ekskursantoj vizitis unuavice la katedralon; en ĝia 1200jara palatina kapelo ripozas en orumita sarkofago la imperiestro Karlo la Grandulo. Kafejoj ĉirkaŭ la impona urbodomo en gotika stilo invitis al paŭzo. Sur la reirvojo ni haltis ĉe la akvobaraĵo de Eupen.

Ĵaŭdon, la 4an, internacia delegacio de la konferencanoj estis oficiale akceptita en la urbodomo de SPA.

Sabaton, la 6an, la loka radio-elsendstacio intervjuis rekte dum 20 minutoj la prezidanton de la Internacia Organiza Komitato, Lucien De Sutter.

Dum la semajnfino, "Sonorilo" prizorgis Esperanto-libroservon.

Tiu "Eŭropa Fervojista Esperanto-Konferenco" havis multrilate la nivelon kaj kvaliton de IFEF-kongreso. La kunlaboro de pluraj landaj asocioj por kontribui al la programo estis modela. Ke ĉiuj aranĝoj plene sukcesis, estis unuavice la merito de la belgaj geedzoj Lucien kaj Ady De Sutter. Al ili la partoprenintoj esprimis sian sinceran kaj koran dankon, kiam venis la adiaŭa horo de la gastema domo "Sol Cress" kun sia ĝentila servistaro.

Willi Barnickel (D).

---

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Germano Gimelli, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio.

Bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon.

## La fervojo en Kubo

Walter Ullmann / FRG

Mia partopreno en la 75a UK en Havano instigis min, verki raporton pri la fervojo sur tiu insulo laú la ebloj, kiuj ofertas sin dum mia 13taga restado, sen helpo de kubanaj fervojistoj, sed helpe de kelkaj informoj, precipe el la libro "Eisenbahn international A - Z", el GDR, 1979.

Kubo estis la unua lando en Latinameriko, kiu konstruis fervojon (1837).

Mi veturis okaze de la ekskursoj dum kaj post la UK iomete tra la lando per aútobusoj kaj vizitis en Havano la ĉefstacion. Ekzistas alia stacio en la ĉefurbo, de kie kondukas linio al la urbo Matanzas, kiu funkcias per elektra trakcio (kontinu-kurento 1,2 kV - 130 km longa linio).



(Foto 1)




(Foto 2)

La fervoja reto en Kubo longas ĉirkaú 18100 km. Por la pasaĝera trafiko, do la reto de la "Ferrocarriles de Cuba" (= Fervojo de Kubo, mallongigo FC), servas ĉirkaú 5200 km. La resto - do la plej granda parto- servas por la vartransporto, precipe por la transporto de sukerkano kaj produktoj de la sukera industrio. Gi ne estas submetata al la ministerio por la trafiko kiel la FC, sed al la ministerio por la suker-industrio.

La signifo de la fervojo por la turisma trafiko ne estas tre granda, ĉar estas nur malmultaj eblecoj por turistoj, uzi ĝin, ĉar necesas longe antaúe mendi lokojn en la trajnoj. La ĉefstacio de Havano havas 6 relojn kaj tri kajojn por la persona trafiko (Carileras 1 - 6). Mi simple petis tie la permeson, rigardi sur ĉiuj kajoj, ĉar ne estas tiel facile kiel en Eúropo, ke oni povas surpaŝi de ekstere la kajojn. Du bariloj malhelpas tion al personoj sen biletoj. Poste mi vagadis akompanate de kolegino kubana - kun kiu mi nur povis balbuti hispane - tra vagonoj por pasaĝeroj, kiujn oni dume purigis. Ekzistas vagonoj neklimatizataj kun 80 seĝoj, la klimatizataj havas 72 seĝojn, kaj tie la seĝoj estas turneblaj. En unu vico estas 4 seĝoj, interrompitaj de koridoro. Je la fino de ĉiuj vagonoj estas la necesejoj - po unu por viroj kaj virinoj - signitaj per la konataj simboloj. Kiam ni trapasis kelkajn vagonojn, alvenis sur alia trako trajno el Santiago de Cuba kun 15

vagonoj, tirata de dizela lokomotivo. Tiu veturado daŭris laŭdire ĉirkaŭ 12 horojn, por ĉirkaŭ 900 km. Poste ni iris ankaŭ tra tiuj vagonoj. En la trajno estis ankaŭ restoraci-vagono.



(Foto 3)

La ne tre densa trafiko de la fervojo rezultas ankaŭ el tio, ke je mia alveno en la stacio (labortage je la 10,40 h) estas montritaj sur la teleregataj trajnanonctabuloj nur sekvaj trajnoj:
Alveno de trajnoj (Llegada de trenes):
2 Santiago de Cuba 10,45 h
3 Bayamo Manzanillo 11,00 h
6 Guantanamo 11,20 h
20 Camagüey 11,50 h

Sur najbara trajnanonctabulo estis:
Forveturo de trajnoj (Salida de trenes):
7 Bayamo Manzanillo 13,40 h
43 Santa Clara 16,05 h
2607 Guines Palos 17,25 h
1 Santiago de Cuba 18,10 h.

Supozeble, ke la numeroj antaŭ la celstacio estas la numeroj de la trajnoj. Alia horaro ne videblis. En la stacia halo estas ekspoziciata la unua fervoja lokomotivo, kiu servis en Kubo (por la pasaĝera trafiko). La ŝildo portas sekvan tekston: "La Junta. Primera Locomotora de la Compania del Ferrocarril de Matanzas Cuya Linea se inauguro el 1 de noviembre de 1843". En la stacidomo estas diversaj giĉetoj kaj vendejoj, sed ili ne estas kompareblaj kun tiuj en stacioj de Eŭropo. En la tiea klimatizata restoracio memserva mi havis eblecon, manĝi iom.

Laŭdire la pasaĝer-vagonoj estas produktitaj en Kubo mem. La ŝpuro en Kubo estas la normala, do 143,5 cm. (Mi mezuris ĝin mem - je granda miro de la kubana kolegino).

Dum la UK okazis - kiel kutime - ankaŭ kunveno de IFEF, sed ne partoprenis kubanaj gekolegoj. Mi do konkludas, ke ne ekzistas kubanaj fervojistoj esperantistoj. Dum la veturo per aŭtobuso al lokoj ekster Havano mi pasis kelkfoje relojn, sed ofte ili estis en malbona stato: estis multege da herbo inter la ŝpaloj. Mi eĉ pasis etŝpuran trakon, proksime de Cienfuegos, sed ĝi servas por la vartrafiko, sed ankaŭ la FC posedas liniojn por etŝpura trafiko. Iom okcidente de Havano oni konstruas novan fervojan linion kun betonaj ŝpaloj. Ĉirkaŭ la flughaveno de Havano ekzistas ankaŭ fervojaj



(Foto 4)

linioj por la vartrafiko. Sed veturantan trajnon mi neniam vidis survoje.

En la urbo de Santa Clara nia aútobuso haltis ĉe subĉiela fervoja muzeo. Estas ekspoziciataj 4 vagonoj, kiuj havas rilaton al la venko de la revolucio de Fidel Castro, la nuna ŝtatestro de Kubo, ĉar oni transportis per tiuj vagonoj armilojn por la revolucia armeo. La tuta historio estas klarigita sur obelisko, staranta sur tiu placo. Eble mi povos informi vin pri la historio en iu venonta numero de IF, ĉar mi petis jam informojn de la Kuba Esperanto-Asocio pri tiu afero.

La fotoj montras:
1, Ĉefa stacio de Havano.
2. Nova kubana pasaĝer-vagono.
3. Kubana kolegino antaú la ĵus alveninta trajno el Santiago de Cuba.
4. Dizela lokomotivo en Santa Clara kun aútomata kuplilo. ■

**32a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-SKISEMAJNO**
les Contamines-Montjoie (Francio)
2.-9. februaro 1991.

En les Contamines ĉiuj partoprenontoj - skiantoj aú ne - povos agrable pasi la tempon.

La **alpinaj** skiantoj disponos pri 4 terenoj:
- urba nivelo, liftoj por komencantoj kun vojo "Nivorin" tre altteknika nivelo (vojoj: 1 ruĝa - 1 nigra)
- regiono Montjoie - en arbaro - permesas skii kia ajn estas la vetero ĝis leSignal (1860 m) kaj proponas 3 pendvagonojn, 1 seĝolifton, 1 skilifton (vojoj: 3 bluaj, 1 ruĝa)
- regiono Roselette (2000 m) atingebla ekde Signal per 2 seĝoliftoj kaj 3 skiliftoj (vojoj: 2 nigraj, 3 ruĝaj, 1 blua)
- regiono Tierces - "Aiguille Croche" - (2487 m), vasta skitereno sub suno (espereble!) kiu permesas 800 m da deklivo. Lastatempe oni konstruis skilifton "Veleray", kiu aldonas eblecojn pri teknika skiado sur ruĝa vojo.

Tiu skitereno situas en privilegia geografia situo kiu kutime ricevas neĝon kaj sunon.

La **longdistancaj** skiantoj disponos pri 25 km da ŝpuroj (vojoj verda, blua, ruĝa, nigra) atingebla piede de la hotelo.

La **ne-skiantoj** povos promeni, ĉu piede en la ĉarma vilaĝo aú laúlonge de la valo ĝis la baroka preĝejo "Notre Dame de la Gorce", ĉu en sledo tirita de hundoj, uzi la seĝoaú pendlifton por admiri supre la belegan montaron kaj la Blankan Monton, sperti la glitejon. Plie, ĉiutage busa ekskurso kondukas al la merkato de Chamonix, Val Gardena (Italio), Geneve (Svisio) ktp. Sed ili nepre devos resti surloke por kuraĝigi la partoprenantojn al la ski-konkursoj!

Kiel kutime, ni povos aranĝi interesajn vesperojn, kaj ne forgesu vian kostumon por la karnavalo.

Se vi ankoraú ne aliĝis, tuj petu aliĝilon kaj resendu ĝin kun antaúpago de 600 FF al:
S-ino Claude DUGUE
8 bis, Avenue du Général Leclerc
F-91580 ETRECHY
Poŝtĉekkonto: Paris 16 09 162 V.

■

Fotojn de ĉi-tiu numero de IF liveris i.a. Astrid Birkbak kaj Walter Ullmann.

**HAMAR - KUNVENO PRI MOVADAJ AFEROJ**

Kun la partopreno de dudeko da kongresanoj, reprezentantaj 8 landojn, la 7an de junio disvolviĝis en Hamar kunveno pri movadaj aferoj, sub gvidado de IFEF-sekretario, d-ro Romano BOLOGNESI (I).

Tiu ĉi lasta reklarigis al la ĉeestantoj la verŝajne ne tro sufiĉe komprenitajn kialojn de la iniciato, nome kaj ĝenerale la neceson diskonigi la fervojajn kaj movadajn rezultojn iamaniere atingitajn de kolegoj, kaj precipe kiel eblis atingi ilin, por eventuale marŝi samdirekte. Pli detale oni diskonigu la bonrezultajn agojn faritajn por atingi la oficialigon de Esperanto en la rilatoj inter la fervojaj administracioj, por levi ĉie en la landaj sekcioj de FISAIC la lingvan problemon, por instigi la oficialigon de Esperanto en la rilatojn inter sindikatoj, partioj kaj fervojistaj organizoj.

Kutima bedaŭro estas, ke el neniu landa asocio venis al IFEA anonco de nomoj de respondeculoj pri tiu ĉi aranĝo, kiun oni devus taksi grava kaj utila, se oni bone intencas kompreni ĝin en la deziroj kaj celoj.

Post tiu enkonduko, la gvidanto donas la vorton al partoprenantoj.

K-go Leopold PATEK (A) informas pri la novaĵoj ĉe Radio Aŭstrio.

S-ro Chislain JACOBS (B) intervenas por klarigi siajn ideojn pri la organizaj kaj varbadaj aferoj, kiuj devus esti tre atentaj precipe rilate al junularo, sindikatoj, ktp. kaj li rekomendus surstratajn manifestaciojn.

K-go Lucien de SUTTER (B), ĉefkomitatanoo de IFEF, respondas pri la sinteno de filoj al elektoj de gepatroj. Ankaŭ k-gino Paola AMBROSETTO (I) intervenas pri la junularo informante pri la lastatempaj bonaj sukcesoj en sia urbo.

Bolognesi devas ankaŭ aldoni la tre gravan problemon de reorganizado de multaj fervojoj, kun maldungado de fervojistoj kaj, bedaŭrinde, ne dungado de novaj kolegoj: ni ne plu havas junulojn laborkomencantajn.

Akademiano Carl STØP-BOWITZ (N) notigas pri, laŭ li, la netaŭgaj datoj (majo-junio) de IFEF-kongresoj. Respondas De Sutter pri la neceso ne konkurenci dumsomere kun aliaj gravaj aranĝoj (ekz UK) kaj pro pli granda facileco ricevi libertempon dum monatoj ne tro ŝarĝitaj de trafiklaboro. K-go Walter ULLMANN (D) substrekas ankaŭ la eblecon ricevi reduktitajn prezojn ĉe hoteloj.

S-ro Olof Revestad (S), kiel junulo, parolas pri la ideoj de la gepatroj, ofte iel ne kongruaj kun la tempoj.

Bolognesi klarigas kio estas la sinteno de la estraro pri surstrataj manifestacioj, kiuj ne ĉiam estas eblaj kaj ŝatataj de ĉiuj kongresanoj, kiuj tamen bonege akceptis tute oficialan surstratan procesion/ceremonion por la inaŭguro de vojo ĝuste en Hamar.

Poste venis diskuto pri Esperanto-simboloj: tradicia stelo kaj centjarjubilea "duobla E".

K-go Patek montras al ĉiuj vizitkarton, sur kies dorsflanko estas tuta Esperanto-gramatiko, tre taŭga por rekta persona propagando.

Ĉe la fino, la gvidanto demandas al la ĉeestantoj ĉu valoras daŭrigi ankaŭ en la estonteco tiun ĉi programeron pri "Movadaj aferoj". Ĥore oni respondas, ke jes, ĉar forumo preskaŭ neoficiala, kiu permesas eĉ pli liberan interŝanĝadon de spertoj kaj de ideoj estas tre utila kaj interesa. Fakte inter la multaj oficialaj kaj gravaj kongresaranĝoj,

oni taksas nesufiĉaj la okazojn kunveni neformale, pri kiu ankaŭ oni bezonas. Nia movado stagnas, ofte mankas junuloj. Se oni ne volas ke ĝi baldaŭ malaperos, nepre oni devas trovi novajn vojojn. Kvankam multon dum la jaro oni skribas kaj (iom malpli) oni legas, estas bone, eventuale mallonge, sed buŝe kaj do rekte, pritrakti kelkajn aferojn por havi ankaŭ pliajn eblecojn interkonatiĝi inter ni ĉiflanke, do por pli fratiĝi, pli kunordigi niajn iniciatojn. Rap: IFEF-sekretario

## DEK-TRAJNA LITERATURA KVIZO

Bernard Golden

La demandoj en tiu ĉi kvizo konsistas el informoj pri dek fervojaj vojaĝoj sur la paĝoj de noveloj kaj romanoj verkitaj originale en Esperanto. Ĉu vi scias la titolon de ĉiu verko kaj ankaŭ la nomon de la aŭtoroj? Inter ili estas du angloj kaj hungaroj kaj po unu belgiano, ĉeĥo, franco, jugoslaviano, polo kaj ruso. Nur unu el la naŭ verkistoj estas virino. La respondoj troviĝas en la venonta IF.

1. En aprilo 1928, Vitalij, rusa inĝeniero, vojaĝas de Moskvo al Berlino per rapida vagonaro. Ĉe la fino de la vojaĝo la trajno eniras en Schlesischerbahnhof.
2. Dum turisma vojaĝo eksterlande, junulino iras per vagonaro tra tunelo. En la mallumo fremda viro kisas ŝin, kaj rezulte de tio ŝi esperantistiĝas.
3. Kristnaske, dum militempo, juna ĉeĥo veturas hejmen el Prago en vagonaro tri horojn malfruiĝinta. Li sukcesas engrimpi tra fenestro kaj staras sur unu kruro en kupeo, kie li estas premita kiel sardino en konservujo.
4. Familio el orienteŭropa lando vojaĝas per fervojo al Aŭstrio. La vojaĝo finiĝas tragedie ĉe la landlimo, ĉar mankas enirvizo en iliaj pasportoj.
5. Fama marvojaĝanto hazarde alvenas al nekonata lando. En unu el la urboj li eniras stacion de subtera fervojo kaj veturas en tute aŭtomata trivagona trajno, kiu iras kun fulma rapideco sed tute senbrue. Tiu trajno ne havas maŝiniston; ĝi funkcias per precizaj aŭtomatoj, kiuj evitas karambolojn kaj plenumas la regulitan rapidecon kaj vojaĝtempon.
6. Ĉe la komenco de la unua mondmilito, franca junulo en Germanio provas eskapi kaj reiri al Francio. Li intencas veturi per trajno ĝis la landlimo, sed devas elvagoniĝi en la urbo Metz.
7. Paŭlo Porter el Richmond apud Londono ricevas leteron invitantan lin al rendevuo en la skota ĉefurbo Edinburgo. Antaŭtagmeze li envagoniĝas ĉe la londona finstacio Kings Cross kaj, veturante norden per modernega rapid-ekspreso, atingas la edinburgan stacidomon Waverley.
8. Tribunala funkciulo, tedita pro la ĉiutagaj rutinaĵoj, prenas unutagan libertempon por vojaĝi vagonare al banloko apud lago. Survoje li amindumas junan virinon, kaj ŝi akompanas lin al la somerumejo, sed la ekirigita amafero ne tute sukcesas.
9. Viro, kiu planas murdi ĉantaĝiston, lastmomente iras al la Norda Stacidomo de Antverpeno kun vojaĝbileto jam aĉetita posttagmeze. Li veturas en triaklasa kupeo por fumantoj kaj elvagoniĝas en la vilaĝo Kapelno-ĉe-Arbaro.
10. Mondvojaĝanto sidas en triaklasa kupeo dum longa fervoja vojaĝo. Unu el liaj kunvojaĝantoj estas dekjara knabino, al kiu li rakontas pri sia hobio, kiu konsistas en la kolektado de speco de meteologia fenomeno.

■

## LA EŬROPA MERKATO 1992 KAJ LA FERVOJO

Prelego en Spa de H. Dieter Hartig (D), redaktoro de TeKu, la organo de Terminara Komisiono de IFEF.

Ni ne intencas recenzi la prelegon, sed ĝi estas menciinda, ekzemple ĉar ĝi donas superrigardon al la streboj pri unuigo de Eŭropo, precipe rilate al la 12 ŝtatoj de la Eŭropa Komuno.

La preleginto kompreneble emfazas la nunan kaj estontan rolojn de la fervojoj kaj difinas ties ĉefajn taskojn je tri punktoj:

1e. Adaptiĝi al la kreskanta trafikkiomo kaj venki en la konkuro kun la aliaj trafikiloj,

2e. Rapide reagi al ŝanĝiĝantaj varfluoj,

3e. Kunordigi la agadon de la eŭropaj fervojoj.

Krome li listigas diversajn antaŭendirektitajn agojn de la fervojoj, kaj kiel aldonaĵoj estas el IF prenita materialo pri rapidaj fervojoj en Eŭropo kaj pri la fakaj prelegoj de la 41a IFK kaj 33a IFK.

Fine la preleginto prave eldiras, ke "oni devas longe serĉi en la 150jara historio de la fervojoj por trovi jardekon, en kiu simile gravaj decidoj estis necesaj kiel nun en la 9a jardeko." ■

## INDIKOJ PRI HUNGARAJ ŜTATFERVOJOJ MÁV

estas la titolo de 20apĝa kajero, kiu aperis por la kvina fojo, kaj kiu enhavas - kiel aŭguras la titolo - informojn pri MÁV. La nuna - 1990a - eldono rakontas pri 1989 kaj komparas kun 1970, 1987 kaj 1988. Kiel la pasintaj eldonoj ĝi estas bele presita sur glata papero kaj kun pli dika kovrilo.

Kvankam modesta laŭ grandeco ĝi estas grava kontribuaĵo al la oficiala uzado de Esperanto ĉe la fervojoj.

Gratulon al MÁV pro la imitinda ago.

(Vidu ankaŭ IF 1/1990 p 6 kaj IF 3/1989 p 43). ■

## STOREBÆLT DUM 7 MINUTOJ

Por priskribi la grandan projekton tunelo/ponto trans Granda Belto (Storebælt) la Danaj Ŝtatfervojoj (DSB) eldonis 16paĝan kajeron en formato A4-"kuŝanta".

La danan eldonon rapide sekvis samtempaj anglalingva **kaj Esperanto-versioj**. Kvankam la E-versio aperas kiel enmetita aldonaĵo al la danlingva, ĝi aperas kiel oficiala eldonâĵo de DSB, en la traduko de Jan kaj Lene Niemann.

La titolo referas al la tempo, kiun uzos la plej rapidaj trajnoj por trapasi la belton. Per la pramoj tio nun daŭras 1 horon, do konsiderinda estos la tempoŝparo en 1993, kiam laŭ la planoj devos esti preta la

t.n. firma konekso trans Granda Belto.

Volonte ni gratulas al DEFA pro la atingaĵo, kaj ne malpli pro la rapida ago, ke la E-versio samtempas kun la alia fremdlingva eldonaĵo.

La kajero estas akirebla ĉe Jan Niemann, Edvard Munchs Vej 9, DK-3000 Helsingør kontraŭ enpago de 8.- DEM al dana poŝtĝirokonto 9 35 32 40.

■

## Transite

La nokto estas senparola,
nek hundo tie ĉi nek homo.
Mi sur la kajo staras sola
ĉe la malgranda stacidomo.

Sed el mallum' neatendite
aperas luksa trajn', ekspreso,
ĝi preterflugas min transite
sen esperdono, sen promeso.

Kaj tiam venas penso tia,
ke same en la viv' subite
feliĉo fulmas, lumradia,
kaj malaperas for transite.

Aleksandro Logvin (1903-1980)

## Novaj germanaj adresoj.

Pro la germana unuiĝo la poŝtaj kodoj de FRG kaj GDR ŝanĝiĝis. Antaúaj FRGkodoj ricevis la prefikson D-W-, dum antaúaj GDRaj ricevis D-O-.
(Laú MONATO)

## NOTICO PRI LA 42a IFK

S-ro Gerhard Zeidler el Chemnitz, antaúa GDR,donacis al la Fervoja Muzeo en Hamar kompletan Fervojuniformon de DR (la GDR-fervojo). Tian oni ne posedis, kaj la muzea direkcio skribe dankis kaj eldiris sian aprecon.

## ESPERANTO EN LA RADIO

Radioelsendoj okazos en Esperanto, tion vi sendube jam scias. Sed ĉu vi helpas, ke ili daúru?

Vi helpas, se vi
- aúskultas al ili
- skribas al la koncerna stacio
- raportas al ili pri dato, horo, frekvenco kaj aúdebleco
- laúdas, kritikas, konsilas, sugestas pri la elsendoj,

ĉar la sola reeĥo de la aúskultantoj ja estas la ricevitaj poŝtaĵoj!

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en januaro, estas 10.12.1990

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved




43-a KONGRESO DE INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

OLOMOUC, 1991-05-11/17, ĈEĤOSLOVAKIO

Aliĝiloj:
s-ro Pavel POLNICKÝ
Příčná 150/VI.
CS 290 01 PODĚBRADY

Bankĉeka konto: ČSOB Praha, KB Nymburk,
Esperanto; konta n-ro 34833-49158-191

Informoj:
43-a IFEF-KONGRESO
Ĉeĥa Esperanto-Asocio
Jilská 10, CS 110 01 PRAHA 1

A L I Ĝ I L O  P O R  U N U  P E R S O N O ☐

Mi aliĝas al la 43-a IFEF-KONGRESO kaj konfirmas la enpagon ☐
/Bonvolu atente legi "Ĝeneralajn instrukciojn" kaj "Ĉambromendilon"!/

Viro: ☐ Virino: ☐ /Indiku per kruco/

| Familia nomo: | Adreso /kun poŝta kodo/: | Lando: |
|---|---|---|
| Antaŭnomo/j/: | | Naskiĝjaro: |

Per aparta aliĝilo aliĝas samtempe: Enpago kune ☐ Aparte ☐

Edzino ☐ Infano/j/
Edzo ☐ Naskiĝjaro/j/

| KONGRESKOTIZOJ /en usonaj dolaroj/ | Ĝis 91-01-31 | Post 91-01-31 | Pagenda sumo |
|---|---|---|---|
| IFEF-membro | 60,- | 80,- | |
| Familiano /Junul/in/o ĝis 20 jaroj | 30,- | 40,- | |
| Nemembro de IFEF | 70,- | 100,- | |
| Subtena aliĝo /minimume 15,-/ x/ | | | |
| Ĉambroperado, po lito | 5,- | 5,- | |
| Infano ĝis 15 j. | 0 | 0 | |

x/ Kongresmaterialojn oni sendos post la kongreso.

| MI ALIĜAS AL: /indiku per kruco/ | usonaj dolaroj | |
|---|---|---|
| Ekskurso en la historia parto de Olomouc /sen manĝo/ | 4,- | ☐ |
| Duontaga ekskurso /Šternberk, Sankta Monteto//sen manĝo/ | 8,- | ☐ |
| Duontaga ekskurso /Kroměříž//sen manĝo/ | 12,- | ☐ |
| Duontaga ekskurso /Bouzov, grotoj en Mladeč//sen manĝo/ | 12,- | ☐ |
| Tuttaga ekskurso /Strážnice//kun tag- kaj vespermanĝoj/ | 25,- | ☐ |
| Tuttaga ekskurso /Rožnov p. R., Radhošť//kun tagmanĝo/ | 20,- | ☐ |
| Bankedo | 30,- | ☐ |
| S u m e : | | |

Bonvolu turni!

Mi interesiĝas pri ESPERANTO-TRAJNOJ:

1. Wien - Olomouc ☐ 2. Olomouc - Žilina ☐ 3. Olomouc - Wien ☐

Ĉ A M B R O M E N D I L O

Familia nomo: Antaŭnomo/j/:

Mi deziras loĝi kun:

Mi mendas liton por la jenaj noktoj en majo 1991:

| 10/11 | 11/12 | 12/13 | 13/14 | 14/15 | 15/16 | 16/17 | 17/18 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |

Mi mendas liton en luksa hotelo /ĉiuj ĉambroj estas 2-litaj; se oni volas loĝi sola en ĉambro, necesas pagi duoblan prezon ol estas inkita prezo por 1 lito/:

"Národní dům","Flóra" aŭ "Palác" ☐ =30,- USD/lito

"Sigma" ☐ =18,- USD/lito

Mi volas loĝi sola en ĉambro ☐

Mi mendas liton en neluksa hotelo /ĉambroj 2-, 3- kaj 4-litaj/

"Morava" /en la urbo/ aŭ
"Šternberský dvůr" /ekster la urbo/ ☐ =14,- USD/lito

/komunaj duŝejoj kaj necesejoj/

La prezoj estas en usonaj dolaroj, sen matenmanĝo.

Se la hotelo de dezirata kategorio ne estas plu diponebla, mi konsentas loĝi en la kategorio

pli alta ☐

malpli alta ☐

La loĝadon, krom la unua nokto, eblas pagi surloke.

Dato: Subskribo:

Notoj aŭ specialaj deziroj: